


# AGADO



DE RONDETO ESPERANTISTA ĈE MěstOB EN JIHLAVA

MAJO 1961

## La Internacio

Leviĝu en mizer' dronanta
Sklavar' malsata de la ter'!
Raci' nin vokas indignanta,
Al mortbatalo pro l' liber'.
Malnovan mondon ni detruos,
Ĝis fundament' de l' tirani'
Kaj nian novan ni konstruos:
Ne nuloj — ĉio estu ni!

Nur ni, laborarmeaj eroj,
De l' urboj kaj de la kampar',
Posedas rajton pri la tero!
Vi iru for, parazitar'!
Kaj se por via bando puno
Alvenos en la flamribel',
Por ni ekbrilos hela suno
Radiante en ĉiel.

Rekantajo.

(Por finlukto socia
Ni grupiĝu en rond',
Kaj la Internacio
Triumfu en tutmond'!)

## 40 jaroj de Komunista partio de ĈSSR

Ĉi-jare pasas 40 jaroj de la momento, kiam komunista partio ekstaris en la frunto de ĉeĥa laborista movado. Kulpe de perfida politiko de estraro de sociale-demokrata partio, kiu pli kaj pli subordiĝadis al burĝaro, ĝi ne povis ekesti en favoraj kondiĉoj. Sed baldaŭ la partio montriĝis forta, kaj ĝi tuj forigis nebonajn tendencojn el siaj vicoj kaj denove akiris konfidon de laboristoj. Ĝi gvidis ilin dum malfacilaj bataloj por la sekurigo de sia ekzistado en la antaŭmunkena respubliko, staris en la unuaj vicoj de defendantoj de Ĉeĥoslovakio kontraŭ la nacismo. En la batalo kontraŭ germana nacismo pagis per siaj vivoj imposton de ĉeĥa popolo al nacistoj 25000 komunistaj funkciuloj. 60.000 komunistoj estis arestitaj en koncentrejoj.

Post la jaro 1945 ekstaris la partio denove en la frunto de rekonstruaj laboroj. Ĝi starigis antaŭ laboristaron bazan taskon: renovigi nacian ekonomion, kiun difektis la milito.

Batalo por la elkonstruo de socialismo dum unua kaj dua kvinjarplanoj alportis sub la gvidado de komunista partio tiajn sukcesojn, ke post 15 jaroj de ekzistado de popoldemokrata respubliko oni povis konstati, ke socialismo estas ĉe ni preskaŭ atingita.

Komunista partio en sia kvardekjara laboro, pruvis, ke nur ĝi estis kaj estas la unusola batalanto por postuloj de laboristaro kaj preparis por ni ĝojan vivon en la socialisma socio.

## LA 9-a MAJO - TAGO DE LA LIBERIĜO EN JIHLAVA

La 9-a majo estas ŝtata festo de ĈSSR. Sed ĝi estas grava tago ankaŭ por ni - Jihlavanoj. Ni rerigardu kiel la situacio aspektis en nia urbo antaŭ 16 jaroj.

Jam komence de marto fondiĝis ilegala nacia komitato, kiun estris k-do Fr. Hons. Tiu ĉi komitato povis tuj post la 5-a majo transpreni kaj gvidi la revolucian agadon. La 6-an kaj 7-an de majo okazis tre gravaj kunsidoj de la Revolucia Nacia Komitato. Tio tre timigis lokajn naciistojn kaj ili venigis el Okříšky SS - trupojn. Germanaj oficiroj proklamis super la urbo armean juĝon, tamen ĝi estis merite de la Revolucia Nacia Komitato baldaŭ nuligita.

Dum la nokto de la 8-a al la 9-a majo la naciistaj trupoj konfuze forlasadis la urbon. Tiutempe jam alproksimiĝis el direkto de Mor. Budějovice trans Brtnice heroa Ruĝa Armeo - liberiganto. Frumatene ektondris super la urbo sovetaj kanonoj. Dua parto de la soveta armeo venis iom pli malfrue de Velké Meziříčí. La germanoj provis haltigi Ruĝan Armeon en ĝia marŝo al venko per malpeza artilerio, situita laŭlonge de la ŝoseo al Pelhřimov, sed vane. Sovetaj tankoj enveturis en la urbon antaŭ 5-a horo, ovacie bonvenigataj de la ĉeĥa loĝantaro. En Jihlava la sovetaj trupoj sin di vidis en direktojn al Havlíčkův Brod kaj Pelhřimov. Nur unuopaj fanatikaj naciistoj volis rezisti, sed estis baldaŭ likviditaj. Dum la batalo perdis la vivon du Jihlavanoj - Oldřich Novák kaj Filip Barták. Ĉe la poŝto ili surtankiĝis por montri al la Ruĝ-armeanoj la direkton al Pelhřimov kaj ĉe la enterigejo ili estis embuske atakitaj de naciista tanko. Ankaŭ 6 sovetaj herooj donis la vivon por liberigo de nia urbo.

Tuj la 9 - an de majo la Revolucia Nacia Komitato transformiĝis en la Lokan Nacian Komitaton. La Nacia Komitato esprimis la plej grandan revolucian ŝanĝon de nia ŝtata administrado - la popolo fariĝis la unusola fonto kaj pleniganto de la ŝtata povo.

# Bohumil Bouda

Jam pli ol unu jaro dividas nin de la tago, kiam forpasis unu el la plej elstaraj personecoj de la kultura vivo de Jihlava, artisto, pedagogo kaj komponisto Bohumil Bouda. — Dum longaj jaroj li direktis la muzikan lernejon en Jihlava, kies fondinto li estis. Li apartenis al la nelacigeblaj organizantoj de la muzika-kultura vivo kaj de la festivaloj de vokala kreado. Estante elstara pianisto, dirigento, estro de la orkestroj efike kunhelpis disvolvadi la popolan artan kreadon. Kiel komponisto li apartenis kun sia tuta koro al sia naskiĝa montetaro, kiun li sciis arte prikanti. Lia komponista verko nombras 40 opusojn. Jihlava perdis en li elstaran muzikiston kaj la junularo sian bonan kaj ŝatatan instruiston.



# Jules Verne kaj Esperanto

Brilega sukceso de soveta popolo, unua paŝo de homo en universon, revokas en ĉies memoro la nomon de la franca romanisto Jules Verne, kies verkoj estas tradukitaj en preskaŭ ĉiujn lingvojn.

En sia verko, publikigita en la jaro 1865-a: „De la Tero ĝis la Luno“, la genia profetinto okazigas la daŭron de la vojaĝo en 97 horoj 20 min. Trione malpli vojaĝis la soveta rakedo por atingi sian celon kaj tio realiĝis malpli ol jarcenton post kiam Jules Verne ĝin antaŭvidis.

Sed por ekzakte konsideri lian genian intuicion, necesas situigi la epokon, dum kiu Verne vivis: tiam la unuaj vaporŝipoj ekkrozis de Eŭropo al Ameriko (1863), apenaŭ komenciĝis la konstruado de la transsiberia fervojo (1891), kaj depost la aerostato de Montgolfier (1783) ankoraŭ ne estis alkalkulebla alia serioza progreso en la aerveturado.

Idealisto kaj pacisto, Jules Verne, pioniro de ĉia homa progreso kaj scivolema pro ĉiu nova eksperimento, simpatiis al Esperanto. Tiu ĉi fakto estas apenaŭ konata.

Ĉirkaŭ la jaro 1880, Verne, loĝanta tiam en Amiens (en norda parto de Francujo), kunigis ĉirkaŭ si ĉiujn kulturitajn homojn de la urbo. Li amikiĝis ankaŭ al s-ro Charles Tassencourt, fondinto de la tiea esperantista grupo, kaj konsentis fariĝi ties Honor-prezidanto.

Ve! Jules Verne mortis en la jaro 1905. Pri la unua Universala Kongreso de Esperanto li ne eksciis kaj tro frua morto senigis nin de la projektita romano kiun li intencis verki favore al Esperanto.

Marcel Delcourt
en Revuo de E.

# *Lingva anguleto - Jazykový koutek*

ĴUS — ĜUSTE

Čeština tyto dva pojmy nerozlišuje a překládá oba slůvkem PRÁVĚ. Proto mnoho českých esperantistů používá tato slůvka nesprávně a oba výrazy zaměňuje, ačkoliv je mezi nimi velký rozdíl.

ĴUS je výraz časový a vyjadřuje právě uplynulou chvíli. Překládá se slovy „před chvílí, zrovna“.

Ĵus mi manĝis — právě jsem jedl.
Ĵus li venis — právě, zrovna přišel.
Slovo ĵus je časovým opakem slovíčka TUJ, které znamená „po chvíli, hned“. Konečně slůvko NUN „nyní“ vyjadřuje současnost.

ĜUSTE vyjadřuje přesnost, správnost, je tedy výraz kvalitový.

Tion vi diris ĝuste — to jste řekl správně.
Ĝusta vorto en ĝusta loko — správné slovo na právem místě.
Ĝuste nun mi ne havas tempon — právě teď nemám čas.

Povšimněte si rozdílu slov ĴUS a ĜUSTE ve větách:

Ĵus li tradukis . . . — právě (před chvílí) přeložil . . .
Ĝuste li tradukis . . . — správně, přesně přeložil . . .

A na závěr větu, kde jsou použity všechny probrané tvary:

Ĵus mi revenis el laboro, ĝuste nun mi vespermanĝas kaj tuj mi iros dormi. — Právě jsem se vrátil z práce, zrovna teď večeřím a hned po té půjdu spát.

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

1-a daŭrigo

DÍK. — DANKO.

59. Vřele vám děkuji. — Mi tre dankas vin.
60. Nevím, jak se vám odměním. — Mi ne scias, kiel reservi vin.
61. Tisíceré díky za vaši ochotu. — Dankegon (mil dankojn) pro via komplezo.
62. Opravdu nevím, jak vám poděkovat. — Vere mi ne scias, kiel danki vin.
63. Nezapomenu nikdy, co jste pro nás udělal. — Neniam mi forgesos, kion vi faris por ni.
64. Lituji, že jsem vám způsobil tolik vydání. — Mi bedaŭras la elspezojn, kiujn mi kaŭzis al vi.
65. Nemluvte již o tom, konal jsem jen svou povinnost. — Ne parolu plu pri tio, mi simple faris mian devon.

RADA. — KONSILO.

66. Jsem v rozpacích a nevím, co mám dělat. — Mi estas embarasita kaj ne scias, kion fari.
67. Co mi poradíte? — Kion vi konsilos al mi?
68. Co byste udělal v podobném případě? — Kion vi farus en simila okazo?
69. Jaké je vaše mínění o tom? — Kiu estas via opinio pri tio?
70. Řekněte upřímně, co si myslíte o tom? — Diru sincere, kion vi opinias pri tio?
71. Nikdy bych tak nejednal. — Neniam mi agus tiel.
72. Zachováte se podle mé rady? — Ĉu vi obeos mian konsilon?
73. Věřím, že jen vy máte pravdu. — Mi kredas, ke nur vi estas prava.
74. Jsem již rozhodnut, udělám vše podle vaší rady. — Mi estas jam decidita, mi faros ĉion laŭ via konsilo.

POLITOVÁNÍ. — BEDAŬRO.

75. Lituji, že jsem vás včera nepotkal. — Mi bedaŭras, ke mi hieraŭ ne renkontis vin.
76. Poznávám s lítostí, že . . . — Mi ekkonas bedaŭre, ke . . .
77. Nic horšího se nemohlo stát. — Nenio pli malbona povis okazi.
78. Nemáte čeho litovat. — Ne estas bedaŭrinde.
79. Cítím s vámi vaši bolest. — Mi kunsentas vian doloron.
80. Opravdu, velmi trpíte, ale neklesejte na mysli. — Vere, vi tre suferas, sed ne perdu kuraĝon.
81. Bohužel, máte pravdu, ale já jsem to nevěděl. — Bedaŭrinde, vi estas prava, sed mi ne sciis tion.

PROSBA. — PETO.

82. Mám dnes k vám prosbu. — Hodiaŭ mi havas peton al vi.
83. Lituji, že vás musím obtěžovat. — Mi bedaŭras, ke mi devas ĝeni vin.
84. Budu velkým dlužníkem. — Mi estos granda ŝuldanto.
85. Příliš zneužívám vaší ochoty. — Mi trouzas vian komplezon.
86. Velmi vás prosím o radu. — Tre mi petas vin pri konsilo.
87. Má prosba je velmi naléhavá. — Mia peto estas tre insista.
88. Prosím vás, abyste přišel brzo. — Mi petas vin veni baldaŭ.
89. Vaše prosba je pro mne rozkazem. — Via peto estas por mi ordono.

UJIŠTOVÁNÍ. — CERTIGO.

90. Opravdu, nežertuji. — Vere, mi ne ŝercas.
91. Bohužel, je to pravda. — Bedaŭrinde, ĝi estas vero.
92. Věřte zkušenému člověku. — Kredu al sperta homo.
93. Zde je omyl nemožný. — En tio oni ne povas erari.
94. Teprve teď vidím, že jste měl pravdu. — Nur nun mi vidas, ke vi estis prava.
95. Udělám pro vás všechno. — Mi faros ĉion por vi.
96. Jak jsem řekl, tak se stane. — Kiel mi diris, tiel okazos.
97. Ovšem, že to dobře skončí. — Kompreneble la fino estos bona.
98. Jsem jist úspěchem. — Mi estas certa pri la sukceso.
99. Ujišťuji vás, že přijdou všichni. — Mi certigas vin, ke ĉiuj venos.

PREKVAPENÍ A POCHYBNOST. — SURPRIZO KAJ DUBO.

100. To je neuvěřitelné! — Tio estas nekredebla!
101. To, co jste vypravoval, velmi mě překvapilo. — Tio, kion vi rakontis, tre surprizis min.
102. Opravdu, mluvíte vážně? — Vere, ĉu vi parolas serioze?
103. Zdá se mi to velmi divné. — Tio ŝajnas al mi tre stranga.
104. Jste asi špatně informován. — Sendube vi estas malbone informita.
105. Nežertujete? Mohu vám věřit? — Ĉu vi ne ŝercas? Ĉu mi povas kredi al vi?
106. To je těšínské jablíčko. — Tio estas vana ĝojigo (espero).
107. To je neočekávané překvapení. — Tio estas neatendita surprizo.
108. Tak jsem si nepředstavoval svou práci. — Tiel mi ne prezentis al mi mian laboron.
109. Velmi jsem se zklamal. — Mi multe trompiĝis.
110. Toť špatná předpověď. — Jen malbona antaŭdiro.
111. Jsem rozhodně proti tomu. — Mi nepre kontraŭstaras.

(Daŭrigota.)

# Niaj Esperantistaj amikoj en Albanio

De tempo al tempo alvenadas al mia adreso leteroj de s-ano Čefo-Fico el Tirano. Nia E-a klubo nome akiris pere de ĉi tiu s-ano kontakton kun la tieaj esperantistoj. Mi estas perantino inter ilia kaj nia E-a rondeto.

S-ano Čefo Fico, mem esperantisto de la jaro 1925, bedaŭras, ke li neniam povis viziti nian respublikon. Sed li admiras nian pacamantan landon kaj ĝian laboreman popolon. S-ano Č. F. skribas ke E-a movado en Albanio reviglîĝas denove dum tiuj ĉi jaroj. Antaŭ kvardeko estis grupo de E-istoj en Skutari kaj en la jaro 1927 oni presis eĉ la „Ŝlosilon“, kiun li mem preparis. Poste ekestis silento.

Antaŭ kvar jaroj „NUNTEMPA BULGARIO“ publikigis lian anoncon. Post nelonge li ricevis leterojn el la tuta mondo kaj li - vole nevole - devis al ĉiuj respondi. Malfacile por ili estas presi ion en E-o, ĉar mankas al ili supersignitaj literoj. Li klopodis akiri matricojn por linotipo aŭ monotipo, sed ĝis nun ne sukcesis. Por subteni entuziasmon por E-a laboro, nia klubo sendadas al albanaj E-istoj librojn kaj aliajn E-aĵojn. Ĉar multaj el la albanaj studentoj studis en nia lando kaj bone konas legi ĉeĥe, ni sendis al ili eĉ nian ĉeĥan E-o lernolibron eldonitan de nia klubo.

„Mi rekomendis labori por disvastigo de ĉi tiu lingvo“, skribas s-ano Č. F., „ĉar mi opinias, ke venis jam la tempo, ke ĝi estu enkondukota en la lernejojn kiel deviga lingvo. La celo estas, ke la homoj estu dulingvanoj. La nombro de Esperantistoj kreskas ĉiujare kaj la aliaj devas alkutimiĝi al ĉi tiu fakto, ke ESPERANTO sukcesis pro sia granda valoro, kiel sukcesos ankaŭ la Tutmonda Paco!“

Štěpa Panská (el leteroj)

---

GRANDA FILIP-VORTARO ĈEĤO-ESPERANTA APERIS!

Bedaŭrinde nur en unu ekzemplero, kiun por sia bezono propramane reskribis s-ano Alois Lysý. Li komencis ĝin en jaro 1958, laboris je ĝi ĉiutage kaj finis ĝin decembre 1960. La prezo estis malalta. Li bezonis nur 2 kajerojn kaj 2 botelojn da inko. La vortaro enhavas 475 dense kaj bele skribitajn paĝojn. Por ĝia pretigo estis necesa ne nur la materialo, sed ankaŭ pacienco, forta volo kaj amo al Esperanto. Ni rekomendas sekvi lin!

*

Nia malnova s-ano Fr. Mezlík edziĝis la 22-an de aprilo. Ni kore gratulas.

*

Dum marto transloĝis al České Budějovice s-ano Inĝ Jan Kalný, unu el la plej viglaj membroj de nia klubo. Granda sukceso de lasta ekspozicio estis plejparte lia merito. En lia nova agadkampo ni deziras al li multe da sukcesoj.

★

Z vlastní iniciativy scházejí se v naší klubovně absolventi letošního A - kursu každé pondělí od 17.30 hod. Za pomoci zkušenějších esperantistů pokračují v prohlubování znalostí a konverzaci. Každý, kdo má zájem, může se k této užitečné činnosti připojiti.

★

Dopisní papíry a obálky se znakem jihlavského esperantského kroužku obstaráme hromadně pro své členy. Zájemci přihlaste se nejpozději do 10. června u s. Fr. Tichého, Filatelie, Jihlava, Komenského ul.

★

KORESPONDI DEZIRAS

Kustav K r u u s, Kohtla - jarve mnt. 10-3, K O H T L A - N O M M E, Estona SSR (Li estas komencanto.)

TRAN Quoc C H I N H, 13 Hang Tien, N A M D I N H, Vietnamio (Ĉiuj temoj, muzikajoj, poŝtmarkoj.)

★

AFIŜOJN INTERŜANĜAS, unuaŭ multkolorajn, diversteknike presitajn, kun ĉiuj landoj. Pro faka intereso. Václav Tyráček, presejo Grafia, Srázná ul. 17, JIHLAVA-Ĉeĥoslovakio.

---

NA POMOC ČTENÁŘI

anonci — oznámiti
aperi — objeviti
apenaŭ — sotva
armea juĝo — stanné právo
artilerio — dělostřelectvo
aspekti — vyhlížeti
balbuti — koktati
bazo — základ
brili — zářiti
decidi — rozhodnouti
dediĉi — věnovati
defendi — brániti
disvastigo — rozšiřování
ekzakte — přesně
embuske — zákeřně
enkonduki — zavésti
enterigejo — hřbitov
entuziasmo — nadšení
esprimi — vyjádřiti
fondi — založiti
fonto — pramen
frunto — čelo
imposto — daň
justa — spravedlivý
klarigi — vysvětliti, objasniti
klopodi — snažiti se
konfido — důvěra
konfuzo — zmatek
konsideri — posouditi
kontinui — pokračovati
krozi — křižovati
kulpo — vina
laca — unaven
merito — zásluha
minoritato — menšina
opinii — míniti
pavimo — dlažba
perfidi — zraditi
peri — zprostředkovati
profeto — prorok
proklami — vyhlásiti
provi — zkusiti
pruvi — dokázati
puni — trestati
rezisto — odpor
salajro — mzda
scivola — zvědavý
sekura — bezpečný
struto — pštros
stuko — omítka
subteni — podporovati
suferi — trpěti
ŝoseo — silnice
vaporo — pára
venki — zvítěziti
vigla — čilý

---

AGADO, informilo de Esperantista rondeto ĉe MěstOB en Jihlava. Aperas laŭbezone. Respondeca redaktoro: V. Tyráček, Jiráskova 26, Jihlava. Pov. MěstNV Jihlava 80-VÁ-61. Presis Grafia 31, Jihlava.
Q-17*11585